# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Januaro n-ro 1/2009

## BRAZILA SENATANO CRISTOVAM APOGAS ESPERANTON

Foto: www.agenciabrasil.gov.br

Pro grava, inteligenta iniciato de Adonis Saliba (la respondeculo pri la reta paĝaro de BEL) kaj aliaj Esperantistoj, Senatano Cristóvam Buarque montris altvaloran apogon al nia afero. Jen reta letero de Saliba, kiu klarigas la komencon de la afero: *"Mi ne nur verkis tiun mesaĝon al nia senatano, sed ricevis de li personan respondon al mia retmesaĝo, kun la aserto, ke li tre dankas por mia teksto, kaj ke li ricevis de nia kara kunlaboranto kaj lia amiko D-ro Ulysses Ridel, elpensinto de "Planeda Unio", kurson de Esperanto, kiun li de nun klopodos lerni. Jen mirigas min, ke tiu parlamentano emas tiel funde engaĝiĝi en nian internacian lingvon. Pro tio mi faris publikan mesaĝon, por montri lian laboron kaj la konsekvencojn de la agado de Planeda Unio, de D-ro Lício, iama Prezidanto de BEL kaj de multaj gesamideanoj en Brasília. Tio estas pruvo, kiel trafa estis la transigo de la Ligo al Brasília en la jardeko post 1970."*
Pro iniciato de Aloísio Sartorato, el Rio, kaj de aliaj aktivuloj, nun eblas susbskribi apogon al la Senatano (koncerne lian kandidatecon ĉe UNESCO), per la reto: *http://www.apti.org.br/unesco.html* .

## FORPASIS DU GRANDEGULOJ

La brazila Esperantistaro bedaŭras, komence de 2009, la forperdon de du altvaloraj Samideanoj. Délio Pereira de Souza, kunfondinto de Asocio Esperantista de Rio-de-Ĵanejro, en 1942; li kunfondis ankaŭ Spiritan Societon F.V.Lorenz, al kiu li sin longe dediĉis; li kompetente Esperantigis spiritualismajn verkojn. La alia forpasinto, estas Hermógenes César, eksprezidanto de Niterói Esperanto-Klubo, sur kies ĉerko kuŝis la verda flago. Al ilia memoro kaj al iliaj familianoj nian porĉiaman dankegon.

## NOVA NUMERO DE "BRAZILA ESPERANTISTO"

Danke al la klopodado de la Redaktoro Francisco S.Wechsler kaj Grafikisto José R.Tenório, aperis nova numero de nia grava, tradicia revuo. Kiel ĉiam, la enhavo estas riĉa kaj la aspekto, bela. Ĝi ankoraŭ estas legebla nur komputile, per la retpaĝaro de Brazila Esperanto-Ligo, sed la presado estas jam prizorgata. Oni invitas tiujn, kiuj interesiĝas pagi anoncojn en "Brazila Esperantisto" – por helpi la eldonon kaj diskonigi sian varon – kontakti la Sekretarion.

## HISTORIO DE ESPERANTO EN BRAZILO

Oswaldo P. Holanda

Se vi interesiĝas pri nia historio, vizitu la retpaĝaron de nia Ligo: www.esperanto.org.br . Ĉe la ĉefa paĝo, klaku sur la titolon "Historio (Brazilo)". Aperos verko kunordigita de D-ro Oswaldo P. Holanda, eksprezidanto de Brazila Esperanto-Ligo, kiu enhavas kontribuaĵojn de multaj gesamideanoj en nia lando. Tamen, tiu verko ankoraŭ ne estas kompleta; se vi povas aldoni informojn, nepre kontaktu nian Sekretarion Carlos Maria.

**NOVJARA SALUTO DE LA REDAKTORO DE "BEL informas"**
**Via redaktoro per filmeto salutas kaj invitas vin remembriĝi por 2009.**
**Spektu ĝin: *http://www.youtube.com/watch?v=mk562U6J_ws***

### CRISTOVAM BUARQUE APOIA O ESPERANTO

Por iniciativa de Adonis Saliba - o responsável pelo sítio da Liga Brasileira de Esperanto na Internet -o Senador Cristovam Buarque expressou claramente seu apoio ao ideal Esperantista e até sua intenção de estudar o idioma. Informa que recebeu da "União Planetária", em Brasília, um curso de Esperanto, que pretende utilizar. Saliba comenta o acerto de se ter transferido a seda da Liga para Brasília, nos anos 70, o que permitiu contatos importantes como esse. No momento, o Senador Cristovam Buarque se candidata a cargo na UNESCO. É possível apoiá-lo pelo endereço:

http://www.apti.org.br/unesco.html.

### DUAS GRANDES PERDAS

Lamentamos o falecimento de dois grandes Esperantistas brasileiros: Délio Pereira de Souza (cofundador da Associação Esperantista do Rio de Janeiro e da Spirita Societo F.V.Lorenz) e de Hermógenes César, expresidente do Clube Esperantista de Niterói.

Nossa profunda gratidão a eles e a suas famílias.

### MAIS UM NÚMERO DO "BRAZILA ESPERANTISTO"

Graças ao esforço do Redator Francisco S. Wechsler e do Responsável Gráfico José R.Tenório, já é possível ler no sítio da Liga o novo número de nossa prestigiosa revista:

www.esperanto.org.br. Está em andamento a impressão para distribuição em papel.

### HISTÓRIA DO ESPERANTO NO BRASIL

Também no sítio da Liga (www.esperanto.org.br) é possível ler e contribuir com novas informações ao trabalho compilado pelo expresidente Osvaldo P. Holanda sobre a nossa história. O item é "Historio (Brazilo)".

**Veja o filme!**
**Faça sua adesão para 2009!**
***http://www.youtube.com/watch?v=mk562U6J_ws***

# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Januaro n-ro 1/2009

## KARMEMORA SAMIDEANINO EDINA OMAĜATA STRATE

Wâner M. Arruda

De la Sekretario de Esperanto-Klubo João Ernesto, en Ubá / MG, ni ricevis la jenan simpatian mesaĝon: *"Tutkore mi salutas vin je nomo de nia prezidantino d-rino MÁRCIA VALÉRIA COLLI, kaj informas ke de nun, laŭ urba leĝo estas nomata en bona kvartalo en nia urbo "STRATO ESPERANTISTINO Edina de Barros Reis"-portugale: Rua esperantista Edina de Barros Reis. Ni intencas oficiale inaŭguri ĝin en la proksima 31/majo/2009, dato en kiu nia Esperanto-Klubo "João Ernesto" fariĝos 50-jara. Jes, ni intencas festi tiun ĉi okazaĵon, ĉar nia estimata Edina, kiu jam forpasis en la jaro 2005, profesie estis farmaciistino sed ŝi tre ĝojis kiam ni vokis ŝin "esperantistino", kaj ne "farmaciistino" ĉar vere ŝi tre laboris dum tuta sia vivo favore al Esperanto. Do, atendu aliajn novaĵojn rilate al inaŭguro de ĉi tiu Strato (kompreneble la strato jam ekzistas, sed mankas la oficiala nomo). Frate via, Wâner Marlière Arruda, 1-a Sekretario de EKJE (Esperanto-Klubo João Ernesto)."*

## ESPERANTOKURSO PER TELEVIDO

De nia samideano Marcelo Scaldini (mfscaldini@hotmail.com) ni ricevis la jenan gravan informon: *"Mi havas bonan sciigon, ke TV "Mundo Maior", en San-Paŭlo/SP komencos kurson de Esperanto en 2009, do pionire en "normala" TV-kanalo. Pliaj detaloj per www.tvmundomaior.com.br/viagem."*

## DVD PRI ZAMENHOF FACILE AĈETEBLA

Djalma Pessata, el Rio, informas, ke de nun estas facile mendi lian materialon "Zamenhof, Cidadão do Mundo". Sufiĉas skribi al li (djpess@yahoo.com.br) kaj pagi per "Banco do Brasil, Ag.3992-6, CC 9579-6". Oni ricevos la diskon post 2 ĝis 5 tagoj, je kosto de 15 realoj. Lia materialo estas riĉenhava kaj nun tradukata kaj eldonota ankaŭ en Esperanta versio.

## WALTER FONTES DISVASTIGAS ESPERANTON KURANTE

Per la interreta paĝaro de Brazila Espernto-Ligo eblas vidi fotojn de la Prezidanto de Niteroi-Esperanto-Klublo, kiam li partoprenis la konatan jarfinan kuradon "São Silvestre", en la ĉefurbo San-Paŭlo. Nia samideano portis grandan atentovekan verdan flagon.

## "BEL-KONFERENCOJ 2009" KONFIRMITAJ

Danke al la klopodado de S-ano João O. V. Rodrigues (jveiga@yahoo.com.br) , konfirmiĝis la evento je la 22-a kaj 23-a de februaro, en Poços de Caldas / MG. Li sciigas, ke hoteloj ne estos disponeblaj, pro la feriaj tagoj, sed bona komuna loĝejo por ĉiuj. Necesos alporti ban- kaj littukojn. Por pliaj detaloj, kontaktu rekte lin. La programo estas jam praktike preta kaj tuj sendota al ĉiuj BEL-membroj: prelegos eminentuloj: Sylla Chaves, Túlio Flores, J.M.Progiante, Guilherme Jardim, J.R.Tenório, P.Nascentes, A.Prado. NI FLEGU NIAN KULTURON! NI AMASE ĈEESTU!

**DISKUTLISTO POR LERNADO DE ESPERANTO**

Kreita nova diskutlisto por kunlernado de nia lingvo. Oni invitas interesatojn al <ni-lernu-kune-Esperanton@googlegroups.com> por demandoj, kontribuoj, tradukdefioj, k.s..

## HOMENAGEM A EDINA EM UBÁ

O Secretário do Clube de Esperanto João Ernesto, de Ubá / MG, comunica que a conhecida Esperantista Edina B. Reis, falecida em 2005, vai ter seu nome fixado em logradouro da cidade, a ser inaugurado em 31/05/2009. A homenageada, que era farmacêutica de profissão – comenta o Secretário – preferia ser chamada de Esperantista. Por décadas, usou e divulgou o ideal Esperantista, sendo lembrada com carinho e saudade.

## CURSO DE ESPERANTO PELA TV

Marcelo Scaldini informa que a TV Mundo Maior, em São Paulo / SP vai iniciar curso de Esperanto em 2009 – fato inédito em canal de TV convencional.

## "ZAMENHOF – CIDADÃO DO MUNDO" DISPONÍVEL

O excelente DVD de Djalma Pessata (djpess@yahoo.com.br) pode ser facilmente adquirido e pago junto a conta no Banco do Brasil. Basta escrever ao autor.

## WALTER FONTES CORRE NA SÃO SILVESTRE COM BANDEIRA VERDE

Veja as fotos no sítio da Liga Brasileira de Esperanto, na Internet.

## CONFIRMADAS AS "CONFERÊNCIAS DA BEL 2009"

O dedicado samideano João O. V. Rodrigues confirma o evento em Poços de Caldas / MG, em 22 e 23 de fevereiro. Não haverá hotéis disponíveis, por causa dos feriados, mas, sim, adequado alojamento comunitário. Será necessário portar roupa de cama e banho. Eminentes Esperantistas de nosso movimento estão inscritos – o programa em breve será divulgado.

CULTIVE NOSSA CULTURA! PARTICIPE!

LISTA NA INTERNET PARA APERFEIÇOAMENTO EM ESPERANTO
Acesse: ni-lernu-kune-Esperanton@googlegroups.com